1/2000
Decembro/Januaro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Chu la jaro de la nuloj?




| Enhavo | Editorajhoj |
|---|---|
|  | Redaktofino de Hamburg Esperanto<br>n-ro 2/00: 20-01-2000<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*<br>Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br><br>Prezidanto: Jürgen Wulff<br>http://www.juergenwulff.de<br><br>Redaktoro: Frank Merla<br>http://members.aol.com/MerlaFrank |
| La HES Klubejo estas malfermita Jhauhde ek de 19:00 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauhbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 au 39 19 44 14 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 19:00 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 39 19 44 14 |

**Karaj legantoj!**

La redaktoro ghojas, kiam venas materialo por Esperanto Hamburg. Eblas ekzemple skribi leteron de leganto au artikolon pri via opinio de la plua evolugho de nia societo.

Ja ne nepre necesas, ke chiuj viaj ideoj taugas por artikolo. Eblas ankau vortigi vian kontribuon bushe dum Jhauda klubvespero.

Vian venontan aperon kiel autoro au preleganto antaughojas dezirante belajn festotagojn

*Frank Merla*

Enhavo

---

**Sentenco**

Mi ne konas certan vojon al
sukceso, nur certan al
malsukceso: fari al chiu konvene.

Platon

Enhavo

---

## Chu la jaro de la nuloj?

La lasta jaro estis tiu de la nauoj: almenau ni sukcesis vivteni la societon kaj apenau ni povis kreskigi la ciferon de la membraro. Ankau estas malmultaj membroj, kiuj per pozicio sesdeknau au iu alia naskonte kreas novajn iam eblajn membrojn. Do, resume: Ankau en la lasta de tiuj jaroj kun deknau en la unuaj du ciferoj de la jarnombro ankorau ne okazis la fina venko.

Venko produktas venghon

Chu ni Esperantistoj fakte volas venki? Chu entute ni povas venki? Preskau du jarmiloj montris, ke venko produktis venghon. Venko havas nepran rilaton al perforto. Imagu, ke la tuta homaro perforte lernis Esperanton. Tiam certe venus naciistoj kaj aliaj dubaj elementoj kun malhomaranismaj intencoj.

Unueco, frateco kaj demokratio

Estos do saghe, konvinki la homojn pri la homaranismaj intencoj de la pacamaj Esperantistoj. Ne indas konkurenci kun la protagonistoj de la angla. Ghis nun la uzantoj de la angla kiel internacia lingvo estas pli konkurenculoj kun venkemo ol homoj, kiuj preferas internaciajn egalrajtajn kontaktojn che kiuj chiu povas kontribui al unueco, frateco kaj demokratio.

Ni pledu publike por la ideoj de la veraj homaj bezonoj!

Malgrau au eble pro la amaso de konkurenco estas multegaj homoj, kiuj sopiras nuntempe alian komunikmanieron: ne tiun de subpremo, sed vere intershanghan. Estas tempo ne plu klinighi je ordonoj kaj delogo al facilaj shajnsolvoj sed repreni la respondecon pri si kaj evoluigi propran volon pri tio, kio povas taugi por la homaro. Ni esperantistoj ne nur laboru en tiu senco. En chiu ajn lingvo ni pledu publike por la ideoj de la veraj homaj bezonoj, nome por memdestino, bazo por fido en dauran estontecon!

Doni pozitivan energion en nian klubon

Ni komencu pri tio hejme en nia klubeto. Ni unue lernu auskulti unu la alian, paroli pri konfliktoj kun la koncerna persono kaj ne kun alia. Ni provu farighi pli autentaj. Tiam aliaj pli facile povas sperti, kion ni celas per nia esperantistado: ne oscedigan mondoplibonigadon sed simple doni pozitivan energion. Tio komencu jam en nia klubo - cetere la pozitiva energio certe ankau iras en la reston de la mondo.

Sopiro intershanghi pozitivan energion

Sojle al la jaro kun la tri nuloj ni ne restu simplaj hobiistoj pri Esperanto. Ni ankau ne provu esti io, kio ni ne estas: ekspertoj pri merkatado. Interesigo pri Esperanto ne estas vekado de bezonoj, kiuj ankorau ne ekzistis. En la animoj de la homoj chie en la mondo dormas sopiro intershanghi pozitivan energion. Ni veku nin kaj aliajn el tiu dormo de rezigno, malespero, influighemo de negativa energio! En la mondon venas malnova sento!

*Frank Merla*

Enhavo

---

## Jarchefkunveno 2000

Antau du jaroj nova estraro estis elektita sub severaj cirkonstancoj. Ne estis facile trovi kandidatojn. Certe ne estas surprizo, ke en 2000 okazos novelektoj. Por ke plej eble ne okazu malbonaj surprizoj dum la jarchefkunveno la estraro decidis jam nun atentigi pri tio. Chiu membro bone esploru, chu shi au li pretas farighi ano en la unua estraro en la nova jarcento. Krome la klubo ghojas pri bonaj proponoj de kunlaboro. Sendu viajn skribajn proponojn por la jarchefkunveno ghis la 27-a de Januaro 2000 al la estraro. Estus bone, se vi sendus ilin pli frue - do ghis la 20-a de Januaro - ankau al la redaktoro. Li do povos publikigi ilin. La jarchefkunveno okazos la 24-an de Februaro 2000 ek de la 20-a horo en la Esperantodomo. Venu goje kaj amase!

Tagordo

1. Jarraporto
2. Kasraporto
3. Raporto de la revizoroj
4. Raporto de la konsilantaro
5. Senchigo de la estraro
6. Novelektoj
   a) estraro

b) revizoroj
   c) konsilantaro
7. Bugheto kaj kotizoj
8. Diskuto kaj decido pri proponoj
9. Diversajhoj

Enhavo

---

## Zamenhoffesto 1999

La chi jara Zamenoffesto okazos la 4-an de Dezembro 1999 kiel kutime ek de la 19-a horo en nia klubejo.

Helpantoj por la preparadoj estas tre konvenaj. Ili anoncighu che Elsbeth Wielgus, por ke ili povu enveni la klubejon la 2-an de Decembro.

Parteprenontoj de la festo alighu che la estraro au che Elsbeth Wielgus (Telefono: 040-254 29 36).

Kontraue al anoncoj en *Esperanto aktuell* kaj aliaj gazetoj balo dum la jarshangho ne okazos.

Enhavo

---

## Nia programo

| Decembro | Januaro |
|---|---|
| **2 Klubejo malfermita por helpantoj:** Preparado por la Zamenhoffesto<br><br>**4 19-a horo: Zamenhoffesto**<br><br>**9** ghis **31** Klubejo fermita | **6 Werner Bormann:** Novajoj el Societo por interlinguistiko kaj AIS<br><br>**13 Kerstin Baasch:** Raporto pri Internacia Seminario de GEJ<br><br>**20 Klubaj aferoj:** Foiraj strategioj<br><br>**27 Video:** Mazi en Gondolando |
| **Februaro** | **Estrarkunsidoj** |
| **4 Vesna Stanicic-Burchards:** Lingvaj ludoj | ne okazas en ebura turo, sed en nia klubejo. Ili estas malfermaj al chiuj aktivuloj kaj aktivemuloj. Ne chiam estas eble anonci la |

| | |
|---|---|
| **10** Libera por viaj kontribuoj<br><br>**17** Libera por viaj kontribuoj<br><br>**24 Jarchefkunveno** | datojn de la kunvenoj en tiu chi gazeto. Do, ne hezitu demandi estraranon aula redaktoron pri ili. Chi foje ghojinde la venontaj du datoj de la estrarkunsidoj estas jam konataj:<br>6-a de Januaro 2000, 18-a horo<br>3-a de Februaro 2000, 18-a horo. |

Enhavo

---

### Karl-Heinz Hoffmann mortis

La 3-an de Novembro 1999 forpasis nia longjara membro post longa malsano.

Karl-Heinz Hoffmann naskighis la 6-an de Majo 1919 kaj baldau perdis pli kaj pli sian vidokapablon ghis en liaj lastaj jaroj li estis tute blinda. Do, estis chefe la kampo de la organizitaj blinduloj, en kiu li aktivis. La blindeco ne malhelpis oftajn vizitojn de renkontighoj kaj Universalaj Kongresoj. Ankau en nia societa vivo li aktive partoprenis.

*Frank Merla*

Enhavo

---

### Kiajn membrojn al nia societo?

En la pasanta jaro ni perdis pro morto tri fidelajn membrojn. Feliche okazas nur ege malofte, ke nin forlasas membro pro alia kauzo. Tamen konstatendas, ke la ghenerala malkresko de societaj membrociferoj ankau nin koncernas. Tio validas des pli char nia membraro estas plejparte sufiche agha. Junuloj ne havas ofte inklinon sin ligi al societo kiel okazis ankorau antau 50 jaroj.

La spertoj montras, ke ghis 50-jaruloj pli zorgas pri lernejaj, studaj, familiaj, karieraj kaj profesiaj taskoj ol daure aktivi en Esperanto-kluboj. Ili ja vizitas renkontighojn kaj trans-prenas po okazajn kontribuojn al la Esperanto-vivo. Nur post la plej (ekster Esperanta) aktiva periodo homoj pripensas pri okupo, kiun ili ankau en periodo povas fari, kiam la fortoj feblighas.

La okupigho pri Esperanto tiam estas tauga ebleco: Oni trovas forumojn, kie oni povas evolui chion, pri kio ghis tiam ne estis tempo, okazo au kapablo. Kaj kompare rapide ekestas sukcesoj: La Esperanto-publiko danke akceptas kontribuojn. En la mondo ekster Esperantujo regas konkurenco kaj la shanco ankorau farighi grava estas relative malgranda.

En la mondo ekster Esperantujo almenaû laû la celgrupoj de la varbokomerco kaj la dungomerkato la homoj pli aghaj ol 50 apenau plu gravas. En Esperantujo la plej granda parto de la anoj estas grizharuloj. Oni estas inter si kaj unu al la alia povas montri, ke ankau tiaj homoj ja gravas.

La tempoj de idealismaj tavoloj de la socio momente ne estas. La shancoj de Esperanto kiel amasfenomeno ne estas grandaj. Nun temas pri trovi sian nichon en la socio. Nia Esperanto-nicho ja bone funkcias. Ni flegu ghin kaj prezentu ghin al klientoj, kiuj ankorau serchas siajn nichojn.

Ni ne konkurencu en kampo, kie ni ne havas shancon: en la grupo de la minus 50-jaruloj. Ni ankau ne uzu varbilojn de ili, estas konsilinde inventi proprajn, eble ni revivigu eksmodajn, ekzemple bushan propagandon.

Sed ni ne propagandu por Esperanto kiel objekto de fina venko (idealisma celo), sed kiel ebleco povi evoluighi kun digno kaj valoro.

En la nuna epoko de la komerca tutmondigo la minus 50-jaruloj certe ankorau lau ties deziroj (gajni rapide monon) okupighos pri la grizharuloj, kies nombro kaj achetpovo kreskos almenau en la industriaj landoj. Ni atentu esti ne ekspluataj, ni gardu nian dignon kaj ne plu sekvu la oran bovidon.

Ni sekurigu nian nichon!

*Frank Merla*

Enhavo

---

## LA 22-a CHEBALTA ESPERANTISTA PRINTEMPO MIELNO (PL)
## 30-a de Majo ghis 11-a de Junio 2000

Pola Esperanto-Asocio, filio en Koszalin, organizas internacian feriadon por esperantistoj kaj naturamantoj. La arangho okazos en la atrakcia kaj tre charma ripozloko Mielno, pitoreske situanta inter la Balta Maro kaj Jamno-lago, 12 km nordokcidente de la distrikta urbo Koszalin.

La programo de ^CEP antauvidas interesajn prelegojn kun videofilmoj, konkursojn kun valoraj premioj, chiutagan lingvoperfektigadon, sunumandon, busajn ekskursojn al vizitindaj lokoj, bivakfajron ktp. Esperantistoj el diversaj landoj havos okazon prezenti propran programon kadre de la naciaj vesperoj. Ni petas kunporti diversajn esperantaîojn por planata aûkcio.

Loêloko: belega kaj moderna ripozcentro „Grazyna“ en la centro de la urbo Mielno, nur 50 m de la strando kun du- kaj trilitaj chambroj kun banchambro, televidilo, radio kaj telefono.

Partoprenkotizo 280 $ (au egalvaloro) - aligho ghis 2000-03-30, 300 $ - aligho ghis 2000-04-30.

Korespondadreso: Pola Esperanto-Asocio, Box 30, 75-016 Koszalin-1 (PL); telefono: 0048/94/3404-563 (petu: S-ron Baranowski)

Detalojn pri alighilo, alighmaniero kaj estintaj tiaj renkontighoj demandu che *Wolfgang Löbel*, Telefono: 040-536 54 32.

Enhavo

---

**Membrokotizo 2000**

| | HES | GEA | sume |
|---|---|---|---|
| Ordinara membro: | DEM 78,00<br>EUR 39,88 | DEM 90,00<br>EUR 46,02 | DEM 168,00<br>EUR 85,90 |
| Familiano, junulo, sen enspezoj: | DEM 42,00<br>EUR 21,47 | DEM 30,00<br>EUR 15,34 | DEM 72,00<br>EUR 36,81 |

La klubo ghojas pri frua ghiro de la kotizo kaj ankau de malavaraj donacoj al la Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20) konto xxxxx.

Enhavo

Re al Esperanto en Hamburg